Esperanto servu la pacon!

# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

№87(22) Julie 1975

## AL SEJM-ESTRARANOJ KAJ LA ORGANIZANTOJ DE SEJT-17

Antaŭnelonge la SSOD-a E-Komisiono reformiĝis. Nun krom la prezidanto kaj lia salajrata sekretario ekzistas 7 nepagataj viceprezidantoj kun siaj sekretarioj. Ili kune formas buroon.

La nova strukturo:

PREZIDANTO:
Isaev Magomet Ismajloviĉ

SEKRETARIO:
Berjoza Anatolij Vasiljeviĉ

TEKNIKA SEKRETARIO:
Lopatina Ludmila Evgenjevna

| VICPREZIDANTOJ LAŬ SEKCIOJ: | ILIAJ SEKRETARIOJ: |
|---|---|
| 1. SCIENC-ORGANIZA:- Armand David Lvoviĉ | Medvedev Lev Vladimiroviĉ |
| 2. MEM-a - Podkaminer Semjon Naumoviĉ | Medvedeva Ludmila Ivanovna |
| 3. PRESA - Samodaj Vladimir Vladimiroviĉ | Ŝarkovskij Aleksandr Samuiloviĉ |
| 4. JUNULARA - Gonĉarov Anatolij Evgenjeviĉ | Aroloviĉ Viktor Semjonoviĉ |
| 5. ARTA - Danovskij Nikolaj Fadeeviĉ | Streŝnikova Galina Fjodorovna |
| 6. VIRINA - Erjuŝina Ludmila Vladimirovna | Mesoĵnikova Inna Markovna |
| 7. GASTAKCEPTA - Salnikov Evgenij Trofimoviĉ | |

La 29-an de aprilo estis la unua buro-kunsido. Kelkaj el ĝiaj decidoj:

1. Konsideri E-pacmovadon kiel unu el la plej gravaj kaj perspektivaj nialande, des pli, ke tio konformas al la ĉefa celo de la Zamenhof-lingvo kaj konstruado de komunismo.
2. Kontakte kun SEJM krei en la plej fortaj kluboj (Ufa, Ivanovo, Doneck, Barnaul, Vilnius kaj laŭ propono de SEJM en kelkaj aliaj) modelajn MEM-grupojn, por ke poste surbaze de ilia sperto vastiĝi la pacmovadon tutlande.
3. Proksimigi la junularan kaj veteranan E-movadon. Por tio povas servi: a) reprezentado de SEJM en la Komisiono; b) regula ŝanĝado de informoj inter "Aktuale" kaj la buroo (estas planata perioda E-bulteneto). ~~Se tio estos akceptita, ni petas sendi unu numeron de "Aktuale" al ni.~~

Ni opinias, ke kontaktante lokajn pac-komitatojn gravas montri, ke ni porpac-agas ne pro E-profito, sed por utiligi nian scion de Esperanto al pacbatalo; ke ni proponas nian servon kiel sovetaj homoj.

Tio estas diskutinda problemo dum la SEJM-konferenco.

Ni opinias necesa de ĉi-SEJT komenci regulan propagandon de E-pacmovado inter junularo (historio de MEM kaj ĝiaj aranĝoj, stingoj). Ebla estus bona aparta premio por ĉi-agado. Kiam la movado maturiĝos, eblos krei memstaran SEJM-fakon.

Ĉar nun ni havas rektan ligon kun la Tutsovetia Packomitato kaj informas ĝin pri niaj kontribuoj, ni proponas en ĉi-tendaro organizi Vesperon de juna pacbatalanto kaj monperlaboron samtage por la Sovetia pacfonduso. Bone, se la aranĝo estus spegulita en la SEJM-bulteno.

I.Medvedev, I.Medvedeva (Moskvo)

# ДОРОГИЕ ТОВАРИЩИ ЭСПЕРАНТИСТЫ !

В связи с заключением во время Всемирного конгреса миролюбивых сил соглашения о совместной деятельности между Всемирным Советом мира и МЭМ, эсперантистам в нашей стране рекомендуется провести нижеследующие первоначальные мероприятия:

Эсперанто-клубы и группы в городах,где имеются Комитеты защиты мира /КЗМ/, выделяют I-2 человека из числа наиболее подготовленных в языковом и политическом отношениях эсперантистов и сообщают их фамилии, анкетные данные и адреса секции движения за мир Эсперанто-комиссии Сюза Советских Обществ Дружбы /ССОД/, I03009, Москва К-9, пр.Калинина,I4 ,
Отдел культуры и информации эсперанто-комиссии, секретарю секции МЭМ,Медведевой Л.И.

После утверждения выделенных товарищей секцией им будет выслан русский текст Декларации о сотрудничестве между МЭМ и ВОМ, с которой они обращаются в местные КЗМ с предложением участвовать в деятельности КЗМ. Один экземпляр Декларации будет направлен в адрес КЗМ, адрес которого нужно сообщить.

Выделенные товарищи обращаются к своим зарубежным прогрессивным корреспондентам с просьбой создать аналогичные МЭМ-группы, вступить в контакт с местным КЗМ или другой организацией, борющейся за мир и установить связь с соответствующей советской МЭМ-группой. Весьма важно рекомендовать корреспондентам подписаться на РАСО /ПАЦО/. При получении их согласия направить им текст декларации на английском или французском языках, необходимое количество экземпляров которой можно получить в секции движения за мир Э-комиссии ССОД /Москва/.

По выполнении указанных ~~выше~~ задач будут рекомендованы последующие мероприятия.

Просьба информировать секцию о предпринятых действиях /одно письмо в Комиссию, копию – на домашний адрес Медведевой Л.И.:
I43013, ст. Немчиновка М.О. Бородинская, 7, тел. 448 52 57/

СЕКЦИЯ ДВИЖЕНИЯ ЗА МИР
ЭСПЕРАНТО-КОМИССИИ ССОД

Примечание к возванию Подкаминера С.Н.

Во избежание срывов нам кажется важным не пускать организацию МЭМ-групп на самотек. На первом этапе / возможно, что он продлится всего лишь один год/ лучше попробовать такую деятельность на базе самых сильных клубов в городах различных категорий / столицы:федеративные и автономные, центры краевые,областные /.

Успешное начало даст, во-первых, положительную информацию о работе эсперантистов на соответствующих местных КЗМ в центральных КЗМ,во-вторых, опыт сближения с данной инстанцией / её роль, общественный вес несомненно различный в разных городах/.

С другой стороны , чрезмерная осмотрительность чревата обеднением нашего опыта. Поэтому инициатива самых деятельных и дальновидных товарищей можно лишь приветствовать.

Ждем Ваших мыслей и конкретных дел.

Л.Медведев
Л.Медведева /МОСКВА/

## ANTAŬ LA VOJAĜO - LASTVORTE

Ja bona afero estas SEJT, se al ĝi tiom strebas homoj el la tuta nia lando. Vi ŝparas ĉiun rublaĉon el la stipendio. Vi petegas viajn laborestrojn pri konvena forpermeso. Vi obstine pruvas al viaj nekredemaj parencoj, ke tiu orienta klimato terure utilas por vi. Kaj ne gravas, ke bileto ĝis Soĉi kostas duoble malpli... Vi, diablo prenu, lernegas la lingvon, verkas kantojn, dum la tuta jaro vi preparas vin por tiu-ĉi duonmonato. Pasos ĝi nerimarkite kvazaŭ nokto somera, tamen sole ĝi estas via atendo kaj sopiro.

Jam vi aliĝis. Mi ĝojas, ke aliĝado al SEJT-17 pasas sukcese, kaj volas prezenti solan ciferon: 15 vilniusanoj venos al Ustj-Kamenogorsk - la plej multnombra grupo el Eŭropo. Jen brava ekzemplo por ĉiuj okcidentanoj!

Okazis tiel, ke la liston de tendaraj laboroj vi ricevis pli poste ol la la Informleteron №1, kaj multaj sendis al mi la parton "B" de la aliĝiloj sen indiko de plenumota tendara laboro. Do por ĉiuj ne tre aktivaj komencantoj la gvidantaro de SEJT trovos iun soci-utilan laboron, sed klubaj aktivuloj povas elekti la laboron por si kaj eĉ devas fari tion. Memoru, ke en SEJT aktivulo sen laboro estas kiel krokodilo sen dentoj. Ankaŭ memoru, ke via dumtendara aktiveco alportos iom da poentoj por via klubo, ili ankaŭ ne superfluos. Elektu por vi dignan laboron, sed notu, inter alie, ke mi registris jam 4 tendarajn kuracistojn, sed eĉ ne unu gvidanton por la Neptun-festo aŭ tendara murgazeto.

Dum lastaj klubkunvenoj atente tralegu la programon de SEJT kaj pripensu, kion vi forgesis ensakigi. Speciale mi petas vin kunporti:

1. La plej bonajn seriojn de lumbildoj pri E-eventoj por la lumbilda vespero. La plej interesaj LB-prezentoj estos premiitaj.
2. Viajn ŝatatajn kolektojn de PM, BK insignoj kaj t.p., ĉar la hobi-ekspozicion oni ankaŭ antaŭvidas en la programo.
3. Viajn plej ŝatatajn fiŝkaptilojn por venki en la fiŝkaptista konkurso.

Nu, alion vi, verŝajne, jam enmetis en viajn sakojn. Restis sola afero: ŝiru la ŝtrumpon, elprenu la monon kaj kuru mendi biletojn. Glatan vojon al vi!

M.Bronŝtejn, v/p pri renkontiĝoj

### AL LA TENDARO ALIĜIS
(la stato por la 28-a de junio)

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| el Angarsk | 2 | Kretinga | 1 | Sizrahj | 4 |
| Barnaul | 12 | Kujbiŝev | 5 | Siktivkar | 1 |
| Bijsk | 1 | Makeevka | 1 | Talgar | 5 |
| Vilgort | 1 | Maĥaĉkala | 2 | Tiĥvin | 2 |
| Vilnius | 15 | Miass | 11 | Tula | 4 |
| Volgograd | 2 | Moskva | 6 | Tjumenj | 13 |
| Glazov | 1 | Mcensk | 12 | Ufa | 16 |
| Ivanovo | 13 | Novosibirsk | 8 | Ĉelabinsk | 3 |
| Joŝkar-Ola | 1 | Orrnburg | 1 | Ŝiauliai | 1 |
| Kaslij | 1 | Omsk | 8 | Ŝuja | 1 |
| Klaipeda | 6 | Permj | 1 | | |
| Klimovsk | 1 | Poltava | 5 | | |
| Kolomna | 2 | Rostov-Don | 1 | Sume | 179 |
| Kosino | 1 | Salavat | 1 | Knabinoj | 119 |
| Krasnojarsk | 12 | Sterlitomak | 6 | Knaboj | 60 |

DISCIPLINO, DISCIPLINO!...

La artikolo de P.Jegorovas kaj S.Gaidamavičius ("A"-2, p.19) atentigas pri la problemo, kiu estas konstante grava por ni - pri disciplino en SEJM. La aŭtoroj prilumis nur unu flankon de la afero - nome la disciplinon dum interklubaj renkontiĝoj, alivorte respondecon de kluboj (gastoj de la renkontiĝoj) rilate al aliaj kluboj (mastroj de tiuj renkontiĝoj). La problemo de disciplino estas tamen multe pli kompleksa, kaj mi ĉi tie prezentu unu el aliaj ĝiaj flankoj. Temos pri respondeco de apartaj kluboj kaj aktivuloj antaŭ SEJM kaj ties Komitato.

Kiel estas konate el la Regularo de SEJM, por solvado de aktualaj demandoj de tutmovada graveco ekzistas SEJM-Komitato. Sekve, la kluboj kaj aktivuloj ĉiam devas memori pri skalo de siaj iniciatoj, kaj agoj. La problemojn de loka graveco oni solvas interne de la klubo, regionajn demandojn - pere de Regiona komitato aŭ, se ĝi ne funkcias, kontakte kun najbaraj kluboj. Kaj, se la afero havas gravecon de landa skalo, necesas ne realigi ĝin tuj kaj starigi ĉiujn antaŭ la okazinta fakto, sed anticipe konsultiĝi kun la SEJM-Komitato. La plej konsciaj kaj respondecemaj sejmanoj agas precize tiel.

Kiel pozitivan ekzemplon mi povas mencii la iniciaton de Ĥarkova E-klubo (SEJM-reprezentanto Julio Lupickij). Tralegiinte en "Hungara vivo" la konatan intervjuon kun Gaspar, "Optimisto" venis al opinio, ke ĝin indas konigi al Tutsovetia Konsilantaro de Sindikatoj. Ŝajnus, kio do malhelpas: traduku kaj sendu. Tamen la Ĥarkovanoj konsciis, ke temas pri alta instanco de landa skalo, kaj konkludis, ke estus bone prikonsulti tion en la SEJM-Komitato. Nur post kiam la Komitato pridiskutis la demandon kaj donis aprobon, ili ekokupiĝis pri la traduko.

Sed, bedaŭrinde ne mankas kontraŭaj okazoj. Unu tre sperta kaj tre konata en SEJM persono (kies nomon mi ne citas, ĉar al li jam estas sendita riproĉo de la SEJM-Komitato), tro entusiasmiĝinte pri la kampanjo "Eldonejoj", tradukis la alvokon ("A"-11) ruslingven kaj proponis por publikigo en eksterSEJM-aj informiloj. Se konsideri, ke tia teksto, komprenebla por ĉiuj, povus hazarde trafi en neesperantistajn manojn, kaj aldoni, ke la ne tro ĝusta traduko (ekzemple, "instigi" plurloke estas tradukita per "trebovatj") donas iom alian impreson ol la originalo, - estas evidente, ke tia ago kaŭzus al SEJM nur malutilon. Feliĉe, nia komisiito pri specialaj taskoj B.Kolker ĝustatempe intervenis kaj preventis realigon de tiu misiniciato. Sed se la ĉefrolinto de la incidento antaŭe prezentus sian proponon al la SEJM-Komitato, li certe ricevus tujan malaprobon. Tamen li ne opiniis necesa fari tion...

Same memfide agis la SEJM-reprezentanto de Taŝkento Eŭgeno Perevertajlo, kiam li dissendis al SEJM-grupoj sian pritendaran cirkuleron, kiu fakte pretendis ŝanĝi decidon de la Konferenco. En la letero estis konfuziga aludo pri iaj "malglataĵoj" en Ustj-Kamenogorsk - supozo tute arbitra, ĉar la taŝkentanoj ne estis skribintaj tien. Ankaŭ al la SEJM-Komitato Perevertajlo ne turnis sin; eĉ poste, kiam ni petis lin pliklarigi sian starpunkton, li ne ~~ĝis~~ reeĥis (vere rimarkis V.Silas pri taŝkenta anarkiemo). La propono estis sendube SEJM-grava, kaj decidi pri ĝi certe devus la Komitato, des pli ke inter ni estas vicprezidanto pri renkontiĝoj. Sed Perevertajlo tion simple ignoris, kvazaŭ la SEJM-Komitato tute ne ekzistas aŭ estus elektita nur por ornami paĝon en la Sekretaria Libro... Nun pro daŭra silentado de la taŝkentanoj eblas konkludi, ke ili jam ne tre pretas aranĝi la tendaron, do la demando fakte forfalis. Tamen imagu, kio estus, se ankoraŭ kelkaj kluboj trovus eblecon organizi tendaron kaj same preter la Komitato distrumpetus pri tio al la tuta SEJM? Kien do ni devus veturi somere?..

Ĝenerale, la tendaroj ĉiam kaŭzas klopodojn al la SEJM-Komitato. Tio estas tute natura afero, kiam temas pri problemoj necesaj kaj neeviteblaj. Tamen iam aldoniĝas zorgoj fakte superfluaj, aperintaj nur pro miskonduto de certaj respondeculoj. Ĉi-jare ni spertis tion flanke de la organizintoj de SEJT-16. Ili devis post fino de ĉiuj tendaraj elspezoj kompili definitivan financan raporton kaj sendi ĝin kaj la ricevitan profiton al la SEJM-kaso. Pri tio T.Loskutova, la SEJM-reprezentanto de Ivanovo, estis avertita ankoraŭ en la tendaro mem. Tamen malgraŭ pluraj memorigoj ni ricevis nenion krom ŝian buŝan informon pri amplekso de la profito - do nek la precizan raporton, nek la monon. Tiel daŭris ĝis la vintro, kiam aperis monbezono jam por SEJT-17, kaj la Komitato ricevis peton pri urĝa monhelpo. Ĉi-jare nia monstato estas sufiĉe streĉa (precipe pro la nova maniero de "A"-eldonado), sed la petita sumo estis konsiderinda. Do ni mobilizis ĉiujn eblojn kaj ankaŭ Loskutova ricevis urĝan komision sendi la monon, kiun ŝi ankoraŭ ne estis redoninta al ni, rekte al Ustj-Kamenogorsk.

...Nun diru, estimata leganto: se vi ricevus de la SEJM-Komitato urĝan taskon, kaj por plenumi ĝin necesus nur viziti poŝtejon kaj ekspedi monmandaton, kiom da tempo vi bezonus? Tagon, du, kvin? Loskutova elspezis por tio monaton, sed eĉ post tioma prokrasto ŝi sendis ial nur duonon de la atendita sumo. Strange, ĉu? Ankaŭ al mi tio estis nekomprenebla, ĉar mian demandon pri la dua duono Loskutova ne honoris per respondo. Sed poste de alia klubanino mi hazarde eksciis la kaŭzon...

Preterkomente mi rimarku, ke la mono havas funkciojn ne nur ekonomiajn. Ĉiam kaj ĉie - kaj Esperantujo ĉi-sence tute ne estas escepto - ĝi ankaŭ montras la nivelon de konscienco kaj honesteco de la homoj, kiuj havas kun ĝi aferojn. Bedaŭrinde, la gvidantoj de Ivanova E-klubo tiun-ĉi moralan ekzamenon ne eltenis. La mono, kiu restis ĉe ili post SEJT, do komunan monon de SEJM, ili forelspezis por siaj klubaj bezonoj. Ke ili ne petis permeson de la Komitato, eble estus ĉe iaj ekstremaj cirkonstancoj komprenebla, sed kial do la SEJM-reprezentantino eĉ postfakte ne informis nin? Poste, kiam venis tempo pagi la ŝuldon, oni iel kolektis duonon de la sumo, sed la duan duonon, same kiel la financraporton, la SEJM-Komitato atendas ĝis nun (je komenco de junio). Jen kiaj domaĝaj eventoj okazas, kiam mallarĝajn interesojn de sia klubo oni starigas super tiujn de la tuta Movado.

Kaj ne nur tiu-ĉi malagrabla historio pri SEJT-financoj montras la maldisciplinecon de T.Loskutova rilate al decidoj de la Komitato. Inter diversaj demandoj, kiujn la komitatanoj solvis ĉi-jare, estis ankaŭ tiu pri SEJT-aliĝiloj; ni decidis, ke ili kiel grava dokumenta materialo, estas post la uzo transdonendaj al SEJM-arkivo. Loskutova estis informita pri tio, tamen ŝi ne sendis la aliĝilojn de SEJT-16 al la sekretario de SEJM je la donita tempo, nek konsiderindan tempon pli malfrue... Ankaŭ Aristids Medinŝ, la SEJM-reprezentanto de Riga, ne reeĥis analogian rekomendon pri la aliĝiloj de SEJT-15; Se aldoni, ke pasintjare liaj promesoj pri preparo de ties adresaro restis neplenumitaj, kaj ke jusa duonjara raporto de Riga ne estis ricevita,- ni vidas, ke la riganoj lastatempe montras neglektemon al siaj devoj en SEJM. Danĝeraj simptomoj, ke temas pri klubo, kiu dum kelkaj jaroj okupiĝis avangardajn lokojn en nia socialisma konkurado.

Do, kiel montras tiuj ĉi kaj aliaj ne menciitaj ĉi-tie okazoj, dume ni ne povas diri, ke pri disciplino SEJM ne havas problemojn. Iuj eble oponos, ke ni ne devas esti tro postulemaj, ĉar necesas respekti libervolecon de la Movado. Sed mi ne povas konsenti kun tia rezonado. Vere, ĉiu klubo tute libervole povas decidi pri sia aparteno al SEJM. Sed solvinte tiun demandon pozitive, oni surprenas cer-

tajn devojn antaŭ nia granda kolektivo. Plenumo de la Regularo, obeo al decidoj kaj rekomendoj de SEJM-graveco devas esti morala leĝo por ĉiu nia klubo, por ĉiu vere aktiva sejmano.

V.Aroloviĉ, prezidanto de SEJM

PROKSIMUMA PLANO
de la 9-a Konferenco de SEJM-Konsilantaro
(p r o j e k t o)

La unua tago - 4.8.75

Matene: Veno kaj registriĝo.
Kunsido de la SEJM-Komitato.
Posttagmeze: Malfermo de la Konferenco.
Ĝeneralaj raportoj de SEJM-kluboj.
Vespere: Disputo "Ĉu la Movado sufiĉe progresas?"

La dua tago - 5.8.75

Matene: Ĝeneralaj raportoj de SEJM-kluboj (daŭrigo).
Raportoj de nealiĝintaj grupoj kun eventuala kandidatigo al SEJM.
Posttagmeze: Interhelpo kaj kunlaboro de SEJM-kluboj (ĝenerala pridiskuto, aldonaj klubraportoj).
Vespere: Disputo "Kiel devas aspekti modela programo de Regiona renkontiĝo?"

La tria tago - 6.8.75

Matene: Faka agado en SEJM (ĝenerala raporto de V.Laptev, raportoj de fakestroj, aldonaj klubraportoj).
Posttagmeze: Regionaj kaj someraj renkontiĝoj. Projekto de SEJT-regularo. Preparo kaj programo de SEJT-17 (M.Bronŝtejn, B.Anoĥin).
Vespere: Disputo "Kial ni malmulte zorgas pri nia lingvonivelo?"

La kvara tago - 7.8.75

Matene: Lerneja agado (ĝenerala raporto de N.Starodubcev, aldonaj klubraportoj).
Financa stato de SEJM (N.Cvileneva).
Interna informado en SEJM (V.Ebel, T.Bercis).
Posttagmeze: Eksterlandaj rilatoj de SEJM (D.Cibulevskij).
Kontaktoj kun oficialaj instancoj. La kompanjo "Eldonejoj" (V.Aroloviĉ, B.Kolker).
Vespere: Libertema disputo.

La kvina tago - 8.8.75

Matene: Sekretariaj aferoj; SEJM-subtenantoj. Rezultoj de la socialisma konkurado (V.Ŝilas).
Konkluda raporto pri la laboro de la SEJM-Komitato (V.Aroloviĉ).
Posttagmeze: Reelektoj de SEJM-Komitato kaj fakestroj.
Akcepto de decidoj.
Fermo de la Konferenco.
Vespere: Interŝanĝo de opinioj kaj impresoj pri la Konferenco.

Postkonferenca kunveno en SEJT.

Informo pri la Konferenco kaj ĝiaj decidoj. Raportoj de novvenintaj grupoj, eventuala kandidatigo al SEJM. Rezultoj de la paroliga periodo kaj rekomendoj por sekvaj SEJT-oj.

Kompilis V.Aroloviĉ

* * * * * * * * *

La 7-an de junio en la E-klubo de Soĉi okazis renkontiĝo kun f-ino Emmi Brenninger (reprezentantino de okcidentgermana vojaĝ-oficejo Neckermann), kiu venis en Soĉi por oficiale prezenti sian vojaĝ-oficejon. Emmi laboros en Soĉi en du hoteloj: "Jemĉuĵina) kaj "Primorskaja". En la hotelo "Jemĉuĵina" laboras kiel deĵora interpretistino nia samideanino Nina Piroĵnaja. Emmi kaj Nina ĉiutage pritraktas diversajn laborajn problemojn en Esperanto, montrante praktikan utilon de la Lingvo Internacia.

F-ino Emmi Brenniger laboros en Soĉi la tutan someron.

Ĉiu-somere en nian urbon venas multaj esperantistoj, kiuj certe volus renkontiĝi kun samideanoj. Ĉar somere ni kunvenas nur porokaze, jen estas kelkaj utilaj telefonnumeroj:

1. Vladimir Bespalov (laboras en lakta kombinumo ĉe la stacidomo)-
   hejma: 96-24-03
   ofica: 92-28-78
2. Nina Sergeevna Piroĵnaja - instruistino de nia E-klubo (laboras en la hotelo "Jemĉuĵina" en la serva buroo) -
   hejma: 92-36-63
   ofica: 92-44-94
3. Valentina Danceva (laboras en la Urba Konsilantaro, ĉambro 93)-ekonomiisthejma):-
   ofica: 92-37-92

Bonvolu nepre uzi tiujn ĉi telefonojn dum via vizito al Soĉi. Ni avide atendas renkontiĝon kun vi.

V.Bespalov (Soĉi)

## MI LABOROS ETERNE

La respondoj de l' enketa demandaro, kolektitaj en SEJT-17 prezentas gravan eventon. Ili montras maturiĝon de nia E-junularo.

Bone, ke la plimulto de niaj junuloj volas dediĉi sian vivon al la esperantismo. Ili certe transdonos tiun-ĉi pasion ankaŭ al siaj amikinoj, edzinoj kaj parencinoj. Tamen malagrable pikas la esprimo "ĝis la morto", kiun uzis multaj. Junaj gekolegoj! Ne oferu tiel facile la vivon!

Mia patro ne konis la internacian lingvon, tamen al ĉiuj proksimaj homoj li konsilis fari Esperanton la dua hejma lingvo. Li aldonis: 'Nur ne forgesu vian nacian lingvon! Tio estus ne nur via nacia memmortigo, tio estus mortigo de via patro kaj de viaj antaŭuloj;"

Do mi estas jam la dua generacio de E-amikoj. Miaj tri filinoj estas la tria generacio. Kaj nun mi edukas la kvaran E-generacion - mian unujaran nepinon Alinon. Ŝi ne jam parolas, sed multe komprenas jam same en Esperanto kiel ankaŭ en la nacia lingvo.

Ĉu mi rajtas skribi pri morto kiel pri fino de miaj penoj? Ne! Kiam mi ne estos, min anstataŭos miaj infanoj, nepoj, edukitoj. Post la vivo mi laboros almenaŭ dekoble! Mi laboros eterne. Mi estas certa, ke ĉiu el vi ankaŭ, gekolegoj! Nur estu insistaj!

Se vi volas, do rapidu,
Kaj ni certe Morton bridos.
Estos ĝoj' sur nia korto,
Se ni venkos stultan Morton!..

## EĈ LA PLEJ BONA KLUBO NE ANSTATAŬOS PARENCAN HEJMON

"Ĉu en via urbo funkcias E-klubo? Kiel vi proponas plibonigi la kluban laboron?" - Multe da respondoj estas raciaj, praktikaj. Tamen... Estus pli bone, se ĉiu hejmo prezentus mini-klubon. Povas unuiĝi du-tri hejmoj laŭ interesoj kaj simpatio. Someraj mini-tendaroj estas por la familioj kun infanoj kaj por la pli aĝaj homoj - pli facilaj, por

por komencantaj esperantistoj - pli utilaj. Certe, la dezirantoj povas krom tio organizi grandan klubon aŭ tendaron. Sed eĉ la plej bona klubo neniam anstataŭos parencan hejmon. Kaj ne nur por infanoj...

NI KREU GVIDLIBRON POR LA ESPERANTIGITAJ HEJMOJ!

"Lingvo internacia fortikiĝas por ĉiam nur en tiu okazo, se ekzistos la grupo da homoj, kiu akceptos ĝin kiel sian lingvon familian, heredan. Cento da tiaj homoj estas por la ideo de la lingvo neŭtrala pli grava ol milionoj da aliaj homoj" - Tiu-ĉi saĝa ~~kaj~~ indiko de Zamenhof validas ankaŭ nun. Kaj por la esperantiĝitaj hejmoj pli taŭgaj estas ne formalaj unuiĝoj, sed privataj, pli proksimaj eĉ intimaj kontaktoj kaj interŝanĝo de sperto.

Antaŭ kelkaj monatoj mi tur,is min al multaj samlandanoj-esperantistoj kun la demando: "Ĉu Vi faris aŭ ĉu intencas fari Esperanton Via dua hejma lingvo kaj ĉu Viaj infanoj heredas de Vi la Internacian Lingvon?" Krom respondojn mi ricevis multajn demandojn, plendojn kaj eĉ insultojn, pro kio mi estas al ĉiuj tre danka.

Mi petas tiujn, kiuj interesiĝas pri esperantiĝo de l' hejmo: plue skribu al mi pri Viaj sukcesoj, planoj, proponoj, duboj, pri Via sperto. Ni kreu kune gvidlibron por la E-hejmoj!

L.Sobanski (234090 Lit.SSR, ŜALĈININKAI, Ŝkola-internat)

# Informoj * Anoncoj * Petoj * Sciigoj

K K-do B.G.Kolker estas elektita en la Komitaton de UEA en la kategorion "B". Niajn sincerajn gratulojn!

* * *   * * *   * * *

En la jaro 1976 la eldonejo "Nauka" (ĝia Glavnaja redakcia vostoĉnoj literatury) eldonos du librojn dediĉitajn al la vivo de fama Esperanta poeto kaj mondvojaĝanhto nia blinda samideano Vasilij Eroŝenko (1890-1952).

Esperantistoj vivantaj en grandaj urboj turnu vin en centrajn vendejoj (preferu "Akademkniga"). Tien jam trafis broŝureto:

Glavnaja redakcija vostoĉnoj literatury
Izdatelstvo "Nauka". 1976
Plan Vypuska.
"Akademkniga"

Sur la p. 74 je № 176 estas
Harkovskij A.
Poet Japonii -syn Rossii.
1976/III kvartal/ 15 paĝ. 15000 ekz. 90 kop. 70202

Sur la p. 81 je № 196 estas
Eroŝenko Vasilij
Izbrannoje
Tradukita el la japana, ĉina, Esperanto.
1976 /II kvartalo/, 16 p. 15000 ekz. 1rub. 70303

La vivantoj en Moskvo, Leningrad, Sverdlovsk, Kiev, Ĥarkov, Alma-Ata, Taŝkent, Baku, Novosibirsk, Ufa, Frunze, Duŝanbe, Irkutsk, Kujbiŝev, Kiŝenev, Dnepropetrovsk, Tomsk turnu vin nur en vendejojn "Akademkniga". Ceteraj aŭ en la ĉefajn (centrajn) vendejojn de siaj urboj aŭ skribe laŭ la adreso:

117464 MOSKVA V-464, Miĉurinskij prosp., 12, "Kniga-poŝtoj".

Redaktis V.Ebel   Red.: 656099 BARNAUL-99, abon.k.11,"Aktuale"